Jaro 20-a marto 1968 N-ro 2



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

**Sekretario: J. POPTIE, Poŝtfako 2204, Utrecht, Nederlando**
**Redaktoro: E. BURGLER, Sportstraat 62, Amsterdam-Zuid**
**Konto: Algemene Bank Nederland, Amsterdam, no 54.0569801**

## Eksperimenta vagonaro kun turbomotoro kaj raketoj




Kliŝo „de Koppeling"

*Supre montrita franca vagonaro atingis rapidecon de 345 km/h. dum provveturo sur 6,7 km. longa linio ĉe Gometz-La Ville. La vagonaro „veturas" sur ebena betona fundaĵo, kiu havas kondukan muron en la mezo.*
*Aertavolo inter vagono kaj betonvojo nuligas frotadon.*




# 20-a JUBILEA KONGRESO DE LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTISTA FEDERACIO - IFEF

## 11-17.5.1968 en Varna (Bulgario)

**INFORMA BULTENO No. 2**

**Unua limdato por aliĝo**

Konsiderante la fakton, ke pro diversaj kaŭzoj la aliĝiloj kaj la Unua informa bulteno estis relative malfrue dissenditaj kaj la tempo ĝis la unua limdato evidentiĝis mallonga, kaj ankaŭ por garantii al la landaj sekcioj de IFEF kondiĉojn por pli trankvila varbado de aliĝantoj por la kongreso, ni decidis plilongigi la unuan limtempon por aliĝo ĝis la 29-a de februaro 1968 (anstataŭ la 31-a de januaro). Ĝis tiu dato validas la unua dimensio de la kongreskotizo. Ĉiuj ceteraj limdatoj restas sen ŝanĝo, kiel indikite en la aliĝilo.

**Novaj kategorioj de loĝejoj**

Dezirante garantii al la kongresanoj eblecon mendi loĝejon je pli malalta prezo, ni sukcesis kontrakti ĉambrojn en privataj domoj en la urbo Varna mem. La ĉambroj estas dulitaj, komplete aranĝitaj. Ili troviĝas en la centro de la urbo kaj proksime al la marbordo.
Prezo por unu lito kaj ponokte:

| | | |
|---|---|---|
| I kategorio | 1,25 us. dol. | 2,50 bulg. levoj |
| II kategorio | 1,00 us. dol. | 2,00 bulg. levoj |

Mendojn kaj antaŭpagon oni devas adresi kaj transpagi al LKK same kiel por la komuna loĝejo, utiligante la ĉambromendilon.

**Ekskurso Varna-Istanbul**

Kiel anoncite la ekskurso okazos per ŝipoj. La datoj estas jene difinitaj:
per la ŝipo „Nesebar" je la 15, 17, 20, 22,24-a de majo kaj
per la ŝipo „Vasil Kolarov" je la 9, 12, 21, 23-a de majo 1968.

**Kondiĉoj de pagado**

Prenante motivon de kelkaj demandoj pri la maniero de pagado, kiujn adresis al ni kelkaj kolegoj, ni deziras doni jenajn klarigojn:
La antaŭpago de la kongreskotizo estas kiel kutime nepra kondiĉo por traktado de la aliĝilo kaj enlistigo de la kongresano.
Ĉiuj ceteraj servoj kiel ĉambrorezervado, ekskursoj, bankedo ktp. memkompreneble estas laŭdezire antaŭpageblaj aŭ ne. La antaŭpago garantias al la kongresano akuratan plenumon de liaj mendoj kaj multe helpas al LKK por reale plani sian laboron. Servoj neantaŭpagitaj povos esti plenumitaj, se ekzistas eblecoj, liberaj lokoj ktp.
Ni faris escepton por la aliĝantoj el la popoldemokratiaj landoj nur pro tio, ke al ili estas malfacile transpagi sumojn al eksterlando.

*Ni plivastigas tiun ĉi escepton ankaŭ rilate la kongreskotizon, nome, se al ili pro la samaj kaŭzoj estas neeble anticipe pagi ĝin, ili faru tion alveninte en Varna.*

Tion ni faras nur kun la deziro doni eblecon al kiel eble pli multe da fervojistaj esperantistoj partopreni la Kongreson.
Ĉiuj servoj pere de OTP „Balkanturist" estas pagendaj kiel indikite en la aliĝilo.
Ni firme kredas, ke IFEF-anoj amase aliĝos al la XX-a Kongreso en Varna.
Ni faros ĉion de ni dependantan komplete plezurigi ilian restadon en nia lando.

*Loka kongresa komitato*
*Sekretario:* (s) Inĝ. G. Černev.
*Prezidanto:* (s) G. Dolapĉiev.

## *Ni kore gratulas*

*s-ron kortegan konsiliston Hugo Steiner, fondinton de la Internacia Esperanto Muzeo pro lia okazinta naskiĝtaga datreveno la 26-an de februaro. Ni esperas, ke malgraŭ tio, ke li jam atingis la aĝon de la tre fortaj, li ankoraŭ vivos en bona saneco kaj ĝuos la amon kaj estimon de ni ĉiuj en bona saneco.*

*IFEF-Estraro*

# Bulgaraj specialaĵoj

Se oni vojaĝas al nekonata lando oni direktas sian intereson inter alie ankaŭ al la kuirmaniero de la koncerna popolo. La bulgara kuirejo montras du karakterizaj kvalitoj: unue per multspecaj legomoj, kiuj la fruktedona lando abunde produktas kaj due per ĉiuspecaj spicaĵoj, kiuj donas al la manĝaĵoj apartan bonguston. Ĉiu sezono liveras al la tablo de la Bulgaro sufiĉe da legomoj, ekz. spinaco, tomatoj, terpomoj, fazeoloj, melonoj kaj kukurboj, kiuj lastaj alkreskas en fabela grandeco.
La freŝaj legomoj de la printempo kaj la helikoj estas por la Bulgaroj la plej konvenaj manĝoj por purigi kaj fortigi la sangon. Spicaĵojn kaj vegetalojn oni multe konsumas kaj ili donas al la bulgaraj manĝaĵoj propran kaj tute specialan guston.
La Bulgaroj ŝatas varmajn kaj malvarmajn antaŭmanĝaĵojn, ekzemple la „banitza", pastpasteco kun fromaĝo, viando kaj spinaco, la „fassul", salato el blankaj fazeoloj la „pasterma", aersekigita bovaĵo, la „tarator", joghurt kun akvo, kukumoj, nuksoj kaj spicaĵoj, aŭ la „turchiya", diversaj saligitaj legomoj, kiuj ĉefe dum la vintra periodo estas manĝataj.
La nacia manĝaĵo estas la „tschorba" supo. La popolo diras, ke estas bone, se tschorba staras sur la tablo, ĝi helpas, eĉ se ĝi estus el stonoj, ĉiuj aliaj manĝaĵoj pli bone digesti. Karakterizaj supoj estas la „sc'kembe-tschorba" kun tripoj, ajlo kaj ruĝaj peperonoj, plie la „narodna-tschorba sas messo" kun viando, la „pilec'ka-tschorba" kun kokino, la „tschorba ot kisselo zele" kun brasiko.
Ankaŭ la raguo estas tipe bulgara kuiraĵo. Aparte bongusta estas la bulgara viandosalato. Al ĝi apartenas ŝaf- aŭ porkviandpecoj, kiuj estas rostitaj en graso kun buldoj. Oni aldonas peperonoj, pizoj, terpomoj, tomatoj, pipro kaj petrosolo. Plia nacia manĝaĵo estas la „kebab", speco de raguo, kiu, envolvita en olea papero, kuirita en dika saŭco, estas spicita per salo, pipro, papriko, petroselo, timiano kaj mento.
Hakita viando estas unu el la bazoj de la bulgara kuirmaniero. Servas al multaj manĝaĵoj, kiel eble la „mnssaka" el plenigitaj buletoj, peperonoj, zucchini kaj tomatoj.
La plej ŝatataj desertoj estas la „halfa" kaj la „banitza". Tre abunda estas la ĝuo de joghurt, kiu estas aŭtenta bulgara eltrovaĵo. La vastkonata trinkaĵo estas la brando, „rakia". Tre ŝatata ankaŭ estas la „Sliwowitz", prunbrando. En Bulgario kreskas bonegaj ruĝaj vinoj. La plej famaj venas el la ĉirkaŭaĵo de Melnik, de Pazardzik, de Sungurlare kaj de Ĉirpan. La Bulgaroj trinkas la ruĝan vinon al rostaĵo, la blankan vinon al kuirita viando kaj al raĝuo. La plej bona blanka vino estas tiu de Euxynograd.
Per tiu artikoleto mi provis veki vian antaŭĝojon al ĉiuj frandaĵoj, kiuj atendos nin en Varna. Ĉiukaze mi jam nun deziras al vi

Bonan Apetiton!

E. Kruse

## Komuniko de la fakprelega komisiono

1. Tekstoj en Esperanto kaj germana de la fakprelegoj el nia 19-a kongreso: „Skribaj ordonoj al trajnoj kaj substituaj metodoj" kaj „Metodoj de aŭtomata influo je trajnverturado" estas ankoraŭ riceveblaj komplete kaj resume kun ilustraĵoj, la lastaj ankaŭ aparte (vidu LIF 4/1967 paĝ. 60).
2. Ni petas pliajn sciigojn pri aplikado de la fakprelegaj tekstoj. Ĝis nun estas konataj al ni registrado en la arkivo de la dokumenta servo de la Germana Federacia Fervojo, kelkaj publikigoj en fakgazetoj kaj la uzado en unu germana Fervoja Administracia Faklernejo.
3. La bulgaraj kolegoj preparas, por prezenti en Varna, du prelegojn. Unu raportos pri la evoluo de la elektra kaj dizela trakcioj sur la fervojlinioj de BDĴ. Ĝi ebligas interesasn komparon kaj prezentas instruan modelon de evoluo el rudimenta stadio al konsiderinda teknika pozicio. La dua prelego pritraktos la nuntempan vagonkonstruadon en Bulgario por enlanda bezono kaj eksporto laŭ UIC-normoj, kies ekzaktan plenumon garantias la tie aplikataj modernaj esplor- kaj provadmetodoj. Supozeble la paroladoj estos akompanataj de diapozitivaj prezentoj kaj aliaj demonstraĵoj.
4. Volonte ni akceptadas kaj serioza ekzamenas proponojn aŭ projektajn skizojn pri faktemoj, kiuj povus interesi niajn gekolegojn en diversaj fakaj branĉoj. Demandojn, petojn, sugestojn adresu al:
TBOI Wili Brandenburg, DB-Hochbaubahnmeisterei 44, MUNSTER (Westf.), Schaumburgstrasse 13.

# JARRAPORTO 1967

**Kongresoj**

Kun LKK de la 19-a kongreso ekzistis plej bonaj rilatoj kaj dank al oferemaj kaj kapablaj kolegoj, tiu kongreso fariĝis plena sukceso. Kun LKK de la 20-a IFEF-kongreso ekzistas agrablaj kontaktoj kaj interkonsilado.
Por la unua fojo en la historio de IFEF nia 19-a kongreso okazis sub la aŭspicio de FISAIC, la Internacia Federacio de Fervojistaj Asocioj Artaj kaj Kulturaj. Ĝia prezidanto, d-ro Emil Schlesser alparolis la partoprenintojn en nia lingvo. La plej gravaj punktoj de la kongreso estis:

— La instalo de novaj komitatanoj,
— La elekto de nova ĉefkomitatano
— La elekto de komitatano por la kontakto kun UEA
— La pritrakto de la agado de la IFEF-estraro
— La laborplano por 1967
— La du fakprelegoj, kiuj aperis en nia organo.

Plue okazis dum tiu brile organizita kongreso tre interesaj ekskursoj.
Laŭ la sugesto de k-do Ritterspach estis starigita Terminara Komisiono por faciligi en la estonto la ampleksan laboron por la venonta terminaro, kiu aperos sur bazo de la UIC-eldono.
K-go Giessner iniciatis la punkton kontakto kun la radioamatororj fervojistaj. Post esploro de opinioj la komitato subtenis la ideon.
Dum la plena kunsido nia bulgara komitano, k-go Dolapčiev, oficiale invitis la kongreson en majo 1968 veni al Varna. La provizoro invito por 1969 venis de la franca asocio por la urbo Avignon.

**Junularo:**

La informado de la gvidanto de tiu sekcio ĉiam estas bona kaj la kontakto senriproĉa.
Krom la feria skisemajno en Aŭstrio, la junularo estis aktiva i.a. dum la kongreso en Fulda, kie sub la gvidado de k-go Bernier okazis junularkunvenon.

**Rilatoj:**

La rilatoj kun aliaj esperanto-organizoj estis bonaj. UEA daŭre informas nin per cirkuleroj pri sia agado favore al fakaj organizaĵoj. Ĝia estraro ricevis raporton pri la agado de IFEF en 1966, per kio finiĝis la komisio de la vicprezidanto pro elekto de UEA-komitatano flanke de IFEF. D-ro Bacskaj partoprenis kiel oficiala IFEF reprezentanto, la fakajn kunvenojn de la 52-a UEA-kongreso en Rotterdam. Fervojistan kontaktkunvenon en la kadro de tiu kongreso gvidis kolego Horace Barks.
*Kontaktoj kun SAT mankis.*
La IFEF-kasisto partoprenis la francan jarkunvenon en Nantes. Por instigi al restarigo de la belga asocio, la IFEF-prezidanto vojaĝis al Bruselo, kie okazis sukcesplena kunveno en amika sfero.
La ĝenerala sekretario de ITF, s-ro Imhof anoncis al IFEF ke s-ro Golding, la sola sekretario esperantlingva en ITF, forlasis la servon de la federacio. Laŭ deziro de la ĝenerala sekretario ni daŭrigos la raportadon pri nia agado al ITF.
Laŭ decido de la 19-a kongreso la vicprezidanto klopodu aligi niajn landajn asociojn en popoldemokratiaj landoj al FISAIC. Interkonsente kun niaj landaj asocioj li skribis leterojn al la ĝeneralaj direkcioj de la bulgara kaj la ĉeĥoslovaka fervojoj. La hungara asocio provos mem atingi aliĝopermeson pere de la sindikato. La pola asocio ne konsentas pri provo.
Laŭ lastaj informoj la skribaĵoj estis bone akceptitaj.

**Pri LIF:**

En la daŭro de la jaro aperis 6 numeroj de LIF kun entute 100 paĝoj, 6 kovrilaj bildoj kaj 45 bildoj en la teksto. Necesaj kongresinformoj, postkongresaj raportoj kaj enpresigo de ampleksaj fakprelegoj ne lasis multan okazon por pliriĉigi la enhavon per artikoloj pri diveslandaj fervojoj. Laŭ disponebla spaco aperis tiaj artikoloj ekde la 3-a numero en modesta kvanto kaj en postaj numeroj en mezuro pli granda.
Kun afabla danko al la bonvolaj kolegoj kiuj sendis artikolojn, ni povas mencii ke la kunlaboro en nia strebado por plibonigi la nivelon de nia organo, estis kontentiga.
Laŭdon meritas precipe ankaŭ la redaktorino kiu laboris super nia organo multajn horojn kun admirinda sindono.

**Laborplano 1967:**

Variigo de la enhavo de LIF per bonnivelaj fakaj artikoloj diverslandaj efektiviĝis kontentige laŭ disponebla spaco, dank' al la kunlaboro de verkokapablaj kolegoj.
Preparo por estrarelekto 1968 liveris minimuman nombron da kandidatoj.
Starigo de novaj landaj asocioj ne povis esti realigata pro manko de konvena adresa materialo.
Pri fiksado kaj posta enpresigo en regularo de la tasko por UEA-komitatano, kaj pri la stato de komuna agado kun radio-amatoroj fervojistaj, raportu la koncernaj respondeculoj.

**Distingoj:**

Tri personoj en nia movado estis distingitaj per FISAIC medaloj. Ili estas nia kolegoj Johann Geroldinger, Thies Blaauw kaj Hans Hunkeler. Tio okazis por la unua fojo en la IFEF-historio.

**Estraraj kunsidoj:**

La estraro kunvenis 9 fojojn por konsiliĝi pri problemoj prezentitaj.
La plej gravaj punktoj estis:

- La kandidateco por komitatano A por UEA
- La likvido kaj la restarigo de la belga asocio
- La kotizpago, kiu en kelkaj landoj ne ankoraŭ glate funkcias
- La fondo de konto por la kotizpago la ĉeĥa asocio
- La laborplano
- La endivido de nia LIF, speciale koncerne la kongresnumeron
- La pretigo de tagordoj por la kongresaj kunvenoj
- La pritrakto de kongresproponoj
- La reprezentado de IFEF dum la UEA-kongreso
- La estrarfunkcioj por la venonta jaro

**Korespondado:**

En la pasinta jaro la sekretario ricevis 94 envenintaĵojn, inter kiuj estas kelkaj cirkuleroj, sed ĉefe leteroj. La nombro de aliaj gazetoj, revuoj, landaj organoj estas tre granda.
La sekretario forsendis 70 leterojn, la prezidanto 54. Krome la estraro okupis sin kun la kompilado de la IFEF-cirkuleroj.

**La membronombro:**

En la fino de la jaro ni havis entute 2575 membrojn, kontraŭ 2422 en decembro 1966, dividitaj en 19 asocioj kaj kelkaj izoluloj. Do malgranda pligrandigo de nia movado, kiu ĉefe estas la fakto en la asocioj de Bulgario, Germanio kaj Hungario. La membronombrojn de la asocioj vi trovos ĉisube. Parenteze estas aldonitaj la membronombrojn ĝis la fino de 1966:

| | | |
|---|---|---|
| Aŭstralio | ( 13) | 13 |
| Aŭstrio | (142) | 175 |
| Belgio | ( 36) | 36 |
| Britio | ( 34) | 31 |
| Bulgario | (100) | 150 |
| Ĉeĥoslovakio | ( 60) | 60 |
| Danlando | ( 87) | 87 |
| Finnlando | ( 40) | 33 |
| Francio | (300) | 292 |
| Germanio | (607) | 650 |
| Hispanio | (171) | 181 |
| Hungario | (165) | 200 |
| Italio | (109) | 109 |
| Jugoslavio | ( 95) | 95 |
| Nederlando | (117) | 117 |
| Norvegio | ( 60) | 60 |
| Pollando | ( 25) | 25 |
| Svedio | (153) | 153 |
| Svisio | ( 94) | 94 |
| Izolaj membroj | ( 14) | 14 |
| | | 2575 |

**Funebra listo:**

Kelkajn fidelajn membrojn ni perdis pro morto. Forpasis en 1967:
En Francio S-ino Blondeaux-Boutigny kaj k-goj Maillard.
En Germanio dum nia kongreso en Fulda Wilhelm Zöllner, kiu fidele partoprenis niajn kongresojn.
En Italio Geom. Mario Copelli, fervora propagandinto por nia lingvo el Torino. Maria Luisa Fiore en la juna aĝo de 31 jaroj en Bologna.
En Hispanio Liro Garcia Garay.
En Nederlando nia eksredaktoro Harmen Hoen kaj Van Gulik.
En Svislando Heinrich Ammann en la aĝo de 58 jaroj.

**Financoj.**

Por financaj raportoj de la kasisto, vidu paĝo 30.

La IFEF-sekretario,
J. Poptie.

**Jarraporto de la kasista pri la jaro 1967**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Landaj kotizoj | Hfl. 6658,74 | Preskostoj LIF | Hfl. 5090,17 |
| Zivn. Banka, Praha | „ 299,50 | Afrankkostoj LIF | „ 744,90 |
| Adoptitaj/izolaj anoj | „ 42,90 | Afrankkostoj Estraro | „ 148,19 |
| Rentumo | „ 194,12 | Pres- kaj forsendkostoj por la nova Stat./Reg. | „ 899,90 |
| Donaco | „ 1,43 | GEFA-terminareto | „ 51,50 |
| LKK Fulda, repago | „ 30,— | Estrarkunvenoj | „ 25,— |
| BEFA por s-ro Sikorski | „ 288,80 | Vojaĝ- kaj reprez.kostoj | „ 291,15 |
| Malprofito | „ 389,62 | Kontorbezonaĵoj | „ 79,75 |
| | | Kotizo UEA | „ 50,— |
| | | Subteno SAT | „ 15,— |
| | | Repago al Sikorski (UEA) | „ 288,80 |
| | | Bankkostoj | „ 7,47 |
| | | Repagita al s-ino Burgler | „ 150,— |
| | | Diversaĵoj | „ 63,28 |
| | Hfl. 7905,11 | | Hfl. 7905,11 |

**Bilanco pri la jaro 1967**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Algem. Bank Nederland | Hfl. 3339,79 | Kapitalo 1.1.'67 Hfl. 4924,25 | |
| Spaarbank Stad Amsterdam | „ 1364,59 | Malprof. 31.12.'67 „ 389,62 | |
| Živn. Banka, Praha | „ 299,50 | | Hfl. 4534,63 |
| Pagendaj kotizoj | „ 398,45 | Kongresa Gar.Fonduso | „ 469,25 |
| Inventario | „ 209,20 | Perdo pro kotizoj laŭ kongresa decido en Fulda | „ 486,60 |
| | | Por '68 pagitaj kotizoj | „ 121,05 |
| | Hfl. 5611,53 | | Hfl. 5611,53 |

# Tutmonda Esperantista Junulara Organizo TEJO Junulara Sekcio de UEA

Celoj: Disvastigo de Esperanto inter la junularo; enkonduko de Esperanto en la lernejojn: praktika utiligo de Esperanto je la servo de la junularo; okazigo de internaciaj junularaj kunvenoj.

Membraro: Estas asociaj membroj la membroj de landa aŭ faka asocio aliĝinta al TEJO. Estas individuaj membroj la individuaj membroj de UEA ne preterpasintaj la aĝon de 25 jaroj.

TEJO havas 21 landajn sekciojn, apartan estraron kaj Komitaton internacian konsistantan el 52 personoj. TEJO ĉiujare okazigas sian internacian kongreson en tiu lando, kie okazas la UEA-Kongreso. Ĉijare hispana urbo akceptas la TEJO-kongreson nome: Tarragona, apud la Mediteraneo, de la 27-a de julio ĝis la 3-a de aŭgusto, tuj antaŭ la Universala Kongreso en Madrid. La programo inkluzivos kulturajn eventojn, oratoran konkursosn, balon, prelegojn, oficialajn kunsidojn, ekskursojn, ktp. La kongresanoj loĝos en la Universitato de Tarragona. Pliajn informojn liveras HEJS, Arce 8-2-4 Cornella (Barcelona) kaj J. Serrano prezidanto de LKK, Merceria 7-3, Tarragona. Hispanujo.

Krom la supre menciita Kongreso sub la aŭspicioj de TEJO okazos ankaŭ aliaj gravaj junularaj aranĝoj, kiel en itala urbo Montecatini: la 4-a Renkontiĝo de Europa Esperantista Junularo. La programo antaŭvidas ekskursojn, prelegojn, literaturajn konkursojn. La Renkontiĝo okazos de la 11-a ĝis la 16-a de aprilo. La 3-a Kongreso de la Studenta Tutmonda Esperantista Ligo (STELO) okazos en franca urbo Aix-en-Provence de la 16-a ĝis la 23-a de aŭgusto.

TEJO eldonas informan bultenon por sia membraro kaj pere de tiu ĉi eldonaĵo oni povas bone informiĝi pri la agado de TEJO. Ekde 1968 la Sekretaria Komisiono de TEJO eldonos malgrandan novaĵbultenon en Esperanto ĉiun duan monaton. (samtempe kun Informa folio).

D-ro Imre Ferenczy,
gvidanto de la junlara sekcio de IFEF.

# LISTO de la komitatanoj proponita por la kongreso en Varna

| | Komitato |
|---|---|
| Aŭstrio | Johano Geroldinger, Marcusgang 7, A-4020 Linz. |
| Belgio | L. de Bruyne, Stationsstraat 109, Linkebeek. |
| Britio | Frank Curtis, 174 Stroud Road, Gloucester. |
| Bulgario | Georgi Dolapĉiev, Bul. Clement Gottwald 54, Sofia. |
| Ĉeĥoslovakio | Jiři Pištora, Námesti míru 1746, Česká Třebová. |
| Danio | H. Hauge, Eranthisvej 16, Höjene, Hjörring. |
| Finnlando | N. G. Narvala, Majavatic 14 A 7, Helsinki 80. |
| Francio | F-ino Germaine Lemonnier, 14 rue J. B. Potin, F-92 Vanves. |
| | Robert Goyac, 7 rue Hoche, F-78 Sartrouville. |
| Germanio | Joachim Giessner, Bahnhof, D-342 Herzberg (Hars). |
| | S-ino Elfriede Kruse, Schweizerstr. 104, D. 6 Frankfurt-M 70. |
| | Gernot Ritterspach, Berlinerallee 1, D-607 Langen-Hessen. |
| | Willi Grass, Meteorstr. 13, D-565 Solingen-Ohligs. |
| Hispanio | Rafaelo Devis Pascual, str. Sicilia 264, Casa 2, 3°, C, Barcelona 13. |
| Hungario | D-ro Stefano Bácskai, Arpád F.u. 28/A, Budapest XVII Rákoshegy, (komitatano UEA). |
| Italio | Germano Gimelli, Via Donato Creti 61, I-40128 Bologna. |
| Jugoslavio | Gvozden Sredić, Poŝtfako 563, Beograd. |
| Nederlando | J. J. Labordus, Kenaustraat 26, Utrecht. |
| Norvegio | Per Johan Krogstie, Löten. |
| Polio | Erazm Nawrowski, ul. Hetmanka 20, Gdynia. |
| Svedio | Evert Rausek, S. Bulltoftavägen 56 B, Malmö Ö. |
| Svisio | Kurt Greutert, Via Monte Ceneri, CH-6512 Giubiasco. |

Kromkomitatanoj por la junularo:

F-ino Greta Gössl, Starhembergstr. 15, A-4020 Linz, Aŭstrio.
F-ino Denise Hervouet, 2 Cottage Henri Dunant, F-92 Garches, Francio.

Komisionaj gvidantoj:

Terminara komisiono: Gernot Ritterspach
Fakprelega komisiono: Joachim Giessner
Junulara komisiono: D-ro I. Ferenczy, Poŝtfako 143, Györ 2, Hungario
Taskoj komitatano UEA: D-ro Stefano Bacskai

**IFEF-komitatanoj bonvolu nepre atenti art. 14 de la Statuto/ĝenerala regularo koncerne al anstataŭigo dum la kongresaj kunsidoj.**

**La IFEF-Junularo en Varna dum la 20-a Kongreso**

Kvankam en la provizora programo LKK ne mencias la futbalan ludon inter la IFEF teamo kaj la loka sporta unuiĝo, tamen la junularo de IFEF esperas, ke tiu ĉi interesa ludo efektiviĝos en Varna.
En Fulda la IFEF-temo ne estis sufiĉe forta kaj preparita,tial nia hungara kolego kaj aktiva sporta trejnisto anoncis sin fari la preparlaborojn kaj pretigi la IFEF temon por la ludo. Li nomiĝas: Gustáv Rozgova, kiu loĝas en nordhungara urbo Miskolc, grava fervoja centro. Li estas profesia trejnisto ĉe duaklasa futbala klubo. La preparlaborojn li faros senpage por akiri pli bonajn rezultojn en Varna.
Estus dezirinde havi renkonton en Varna kun la loka neesperantista junularo, por ke ni povu montri la signifon kaj praktikan taugecon de la Internacia Lingvo.
La IFEF-Junularo deziras efektivigi pli fortajn kontaktojn kun TEJO. Tial mi konatigas la gejunulojn de IFEF kun la laboro kaj celoj de TEJO kaj donis kelkajn informojn pri la ĉijaraj gravaj TEJO-aranĝoj, en aparta artikolo.
Mi atendas la aliĝojn de la ludemaj junuloj, kiuj deziras dum la IFEF-Kongreso partopreni la futbalan ludon.

Györ, la 4-an de januaro 1968.

D-ro Imre Ferenczy.

**Kongrespropono 1, de F.E.R.N. Nederlando**

La 20-a IFEF-kongreso decidu:

ke dum la kongresoj ankaŭ rajtas ĉeesti la komitatkunsidojn interesataj membroj, sed nur kiel aŭskultantoj.

*Komento:*

Ke IFEF-kongresoj ne nur dancas kaj ekskursas, sed ankaŭ streĉe laboras pri organizaj aferoj kaj pri laborplano por la estonteco, scias la partoprenintoj en tiu laboro, sed la interesataj ordinaraj kongresanoj povas nur supozi tion, tamen ne tuj konstati.
Montriĝis dum la lastaj kongresoj ke en organizaj aferoj interesataj membroj estis kontraŭvole puŝataj al turistaj aranĝoj dum la komitatkunsidoj, ĉar ili ne rajtas ĉeesti tiujn kunsidojn.
Ĝuste tiuj — eble multpromesaj membroj — kiuj pli volonte preferus aŭskulti esperantlingvajn diskutojn ol partopreni vizitojn k.t.p., facile — pro tio — povus perdi la interesiĝon en nia Federacio kaj nia lingvo kaj tiel perdiĝi kiel estontaj komitatanoj/estraranoj.
Per niaj kongresoj ni ja celas praktike pruvi la uzon de nia internacia lingvo; ni ankaŭ pruvu al interesataj membroj — kiuj ofte ankoraŭ ne estas maturaj funkcii kiel komitatanoj — ke nia lingvo kontentigas ankaŭ en *internaciaj* diskutoj. Per tio ni samtempe edukos membrojn kiel estontajn funkciulojn.
Seriozaj novaj membroj, partoprenante unuafoje kongreson internacian, kiuj havas la okazon *nur* ĉeesti du horojn daŭrantan laborkunsidon, ricevas eraran impreson de niaj kongresoj, ĉar dum vizitoj kaj ekskursoj la partoprenantoj kutimas tro ofte uzi sian nacian lingvon pro ĉeesto de ne Esperanton scipovaj familianoj.
La komitatkunsidoj estas nepublikaj, sed ili ankaŭ estas ne sekretaj, do tio ne malhelpas ĉeeston de interesuloj.
Ankaŭ la argumento, ke granda nombro da ĉeestantoj bremsas la efikan laboron estas ne tute konvinka, ĉar LKK povus atente komuniki ke interesataj membroj — nur kiel aŭskultantoj — povas ĉeesti, kaj en- kaj eliro de la salono dum la priparoloj ne estas eblaj. Cetere tiaj interesuloj estas sufiĉe disciplinsentemaj kaj bedaŭrinde ne multopaj.
Membroj kiuj regule legas la organon de propra landa Asocio kaj ankaŭ LIF, partoprenas kongreson, havas emon estonte iamaniere funkcii en la Federacio, tiuj membroj tre volonte volas gusti ankaŭ la sferon regantan inter la komitatanoj kaj ekscii la opiniojn de diverslandaj komitatanoj pri sinanoncantaj problemoj. Al ni la tasko doni al ili la okazon.
Ni konsideru ke pri Asociaj kunvenoj en propra lando oni opinias ke tiuj ne estas tiom multvaloraj koncerne praktikadon de nia lingvo kiom aŭskultado de diskutoj inter diverslingvanoj.
EKSPERIMENTO RILATE AL ĈI TIU PROPONO ŜAJNAS AL NI DEZIRINDA.
Posta kongreso povus decidi ĉu necesas akordigi la statuton kaj regularojn al la nova situacio.

**Kongrespropono 2, de la Junulara Sekcio**

La Junulara Sekcio de IFEF efektivigu pli fortajn kontaktojn kun la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo — TEJO.

*Komento:*

La celo de la kunlaboro estas: akiri spertojn en la junulara movado, partopreni la Kongresojn de TEJO, okazigi reciprokajn vizitadojn inter la TEJO kaj IFEF-junularaj grupoj. La celo de TEJO estas: disvastigi Esperanton inter la junularo, utiligi Esperanton praktike je la servo de la junularo. La kunlaboro, la pli grandaj kontaktoj estas nepre dezirindaj.

## Interesiĝo por la laboro de Barnickel kaj Ritterspach

La centra oficejo por la internacia fervojtrafiko en Bern (Svisio) interesiĝis pri la: „Internacia konvencio pri la pasaĝer- kaj pakaĵtrafiko".
Ili recenzis tion tre favore en sia gazeto kaj menciis i.a.:
„Post ĉiuj tradukoj en naciaj lingvoj de la kontraktstatoj de CIV aperis nun ankaŭ traduko en Esperanto. La du viroj Barnickel kaj Riterspach de la internacia pasaĝertrafikoficejo de DB en Frankfurt/M kun multe da amo kaj zorgemo prizorgis tiun tradukon. Ili uzis por sia laboro tradukon, kiun ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj antaŭ 30 jaroj antaŭpreparis kaj fakvortaron, kiun eldonis la Germana Esperanta Fervojista Asocio."
Ankaŭ la Biblioteko de la pacpalaco en Haag (Nederlando) petis tiun tradukon en sian kolektaĵon.

GEFA.

# KONGRESA PROGRAMO

**Sabato la 11-a de majo**

8.00 Kongresejo malfermita
13.30 Kunveno LKK-IFEF-estraro
15.30 Kunveno IFEF-estraro
20.00 Interkona Vespero

**Dimanĉo la 12-a de majo**

10.00 Solena malfermo de la kongreso;
15.00 Por junulara renkontiĝo
17.00 Bankedo
20.00 Distra vespero; varia programo

**Lundo la 13-a de majo**

9.00 Kunsido IFEF-estraro - Komitato
10.00 Vizitoj en urbo Varna
14.30 Unua kunveno de IPEA
14.30 Kunsido de Fakprelega Komisiono
16.00 Kunsido de Terminara Komisiono
16.00 Kunveno Junularo
20.00 Prezentadoj de la Bulgara Esperanto Teatro

**Mardo la 14-a de majo**

9.30 Plenkunsido
15.30 Fakprelego kun filmprezentado
20.00 Folklora vespero

**Merkredo la 15-a de majo**

8.00 Tuttaga ekskurso al rivero Kamĉija — Nesebâr — ripozkomplekso „Slâĉev brjag" (Suna Bordo)

**Ĵaŭdo la 16-a de majo**

9.00 Dua kunsido Estraro Komitato
9.00 Dua kunveno de IPEA
10.00 Futbalmatĉo
15.30 Eventuale dua fakprelego
17.00 Akcepto ĉe la Prezidanto de la Urba Popola Konsilantaro Varna
20.00 Kongresa balo

**Vendredo la 17-a de majo**

8.30 Duontaga ekskurso al urbo Balĉik
15.00 Dua plenkunsido; fermo de la kongreso.

---

**Kunsido Junulara Sekcio, je 12/5**

1. Malfermo.
2. Raporto pri la agado de la Junulara Sekcio. (D-ro Ferenczy).
3. Alparoloj.
4. Pritrakto de la laborplano.
5. Libera diskutado.
6. Fermo.

# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ

**Kunsido Estraro - Komitato, je 13/5**

1. Malfermo.
2. Ekzameno de la mandatoj.
3. Resumado de la raportoj de landaj asocioj.
4. Raporto pri la komitata laboro.
5. Diskutado pri estrara jarraporto.
6. Diskutado estrarelekto.
7. Diskuto kongresproponoj.
8. Elekto de Fakprelega Komisiono.
9. Libera diskutado.
10. Fermo.

**Plenkunsido, je 15/5 (por membroj)**

1. Malfermo.
2. Salutleteroj kaj telegramoj.
3. Kongresraporto 1967, (LIF 1967 numero 4).
4. Estrara jarraporto, (LIF nr 2).
5. Raportoj de fakaj komisionoj.
6. Pritrakto kongresproponoj.
7. Estrarelekto.
8. Elekto de revizoroj kaj vicrevizoro.
9. Elekto de kongresurbo 1969 kaj provizora invito por 1970.
10. Libera diskutado.
11. Resumado de plej gravaj decidoj.
12. Fermo.

**Dua kunsido Estraro-Komitato**

1. Rilatoj al FISAIC.
2. Prezento kaj pritrakto de budĝeto por 1969.
3. Prezento de laborplano.
4. Diskutado pri starigo de gazetara servo.
5. Libera diskutado.
6. Fermo.

**Dua plenkunsido, je 17/5**

1. Malfermo.
2. Transdono de la IFEF-gvidado al la nova estraro.
3. Fermo de la kongreso kaj adiaŭo.

**Kunsido Terminara Komisiono, je 13/5**

1. Spertoj faritaj el la nova labor metodo.
2. Eventualaĵoj kaj diskutado.

**Kunsido Fakprelega Komisiono, je 13/5**

1. Finraporto de la ĝisnuna gvidanto de la fakprelega komisiono.
2. Konsistigo de la novelektita komisiono.
3. Elekto de nova gvidanto.
4. Diversaĵoj kaj diskutado.

## Joachim GIESSNER

*Kandidato por funkcio de prezidanto*



Joachim Giessner, ĉefinspektoro en funkcio de staciestro, Herzberg/Harz (Germanio). Naskiĝis en 1913. Esperantistiĝis en 1950, faris en 1951 kursgvidantan ekzamenon. De 1951 por 3 jaroj prezidanto de Esp.-grupo Bielefeld, de 1955 por 5 jaroj prezidanto de Esp.-grupo Braunschweig, en 1960 fondis Esperanto-grupon en Elze kaj estis por 7 jaroj vicprezidanto, de 1953 por 3 jaroj sekretario de Germana Esperanta Fervojista Asocio, de 1954 por 3 jaroj redaktoro de GEFA-bulteno, de 1956 prezidanto de Germana Esperanta Fervojista Asocio (iniciatis kaj organizis la regulajn jarkunvenojn), gvidis proksimume 20 Esperanto-kursojn, de 1959 IFEF-respondeculo por fakprelegaj aferoj pli poste gvidanto de la fakprelega komisiono (evoluis la nunan fakprelegan sistemon), LKK-ano en IFEF-kongreso 1952, LKK-prezidanto IFEF-kongreso 1967, kunfondinto de „Esperanto-Filmo-Germanujo" (kunlaboris en la produktado de 3 esperantlingvaj amatorfilmoj kaj 4 gramofondiskoj), estrarano de urba trafikoficejo Herzberg. IFEF-komitatano, UEA-delegito kaj fervoja fakdelegito, de 1955 ĉefkomisiito por Esperanto de la ĉefestraro de BSW en Frankfurt. Vizitis 16 IFEF-kongresojn (ek de 1952 ĉiujn), 6 UEA-kongresojn (1951, 1953, 1957-58, 1960, 1966). En UEA-kongreso Mainz gvidis seskapan fervojistan teamon, iniciatis la unuan en UK prifervojan fakprelegon kaj la unuan en UK fakekskurson (centra regadejo Frankfurt/Main).

Publikigis en speciala bulteno (7/1961) koncizan historion pri GEFA. Verkis multajn perforvojistajn informilojn, multajn artikolojn en la esperantista kaj neesperantista gazetaro. Aŭtoro de „Esperanto, die Sprache die Sie suchen". Tradukis kantojn, ariojn, ŝlagrojn (i.a. por la Esperanto-diskoj), iniciatis kaj tradukis la Esperanto-tekstojn en la germanaj horaroj kaj redaktas ilin de 1953.

## Istvan BÁCSKAI

*Kandidato por funkcio de vicprezidanto*



Istvan Bácskai, doktoro, fervoja ĉefkonsilanto, vicsekciestro ĉe la Ĝenerala Organiza Sekcio en la Ministerio por Trafiko kaj Poŝto, Budapest (Hungario). Naskiĝis 1908. Esperantiĝis en 1945. Fondinto de la landa fervojista sekcio en 1957 kaj ek de tiam prezidanto, membro de la HEA-prezidantaro kaj de la fakterminara komisiono ek de 1961, vicprezidanto de Hungara Esperanto-Asocio ek de 1964, preleganto de Somera Universitato Gyula 1967, UEA-fakdelegito pri fervojo, Komitatano IFEF, Komitatano UEA ek de 1964, Estrarano de landa MEM-sekcio, Estrarano de diversaj sindikataj institutoj fervojistaj. De 10 jaroj respondeca redaktoro de Hungara Fervojista Mondo. Vizitis 8 IFEF-kongresojn (1957, 1959, 1960, 1962, 1966) kaj 8 UEA-kongresojn (1947-48, 1959, 1961, 1963-64, 1966-67). Prezidanto LKK IFEF-kongreso 1962, organizanto de fervojistaj tagoj dum UEA-kongreso en 1966. Ano de IEAJ de 1960. Verkis lernolibron por lernantoj de teknika lernejo kaj por studentoj de la fervoja ĉeflernejo. Verkis multajn artikolojn en Esperanto kaj nacia lingvo por Hungara Vivo, Hungara Esperantisto kaj ĉefe por Hungara Fervojista Mondo. La artikoloj aperas ankaŭ en la oficiala fervojista sindikata gazeto.

## Elfriede KRUSE

*Kandidatino por sekretaria funkcio*



Elfriede Kruse, ĉefsekretariino, Frankfurt / Main (Germanio). Naskiĝis 1914. Esperantistiĝis 1954, ekzameno pri lingva kapableco 1960, kursgvidanta ekzameno 1964. Ekde 1965 sekretariino de Germana Esperanta Fervojista Asocio (kreis kaj daŭre plibonigis la rilatojn al gravaj institucioj, ekz. dokumenta servo, fervoja varboficejo, Sozialblatt, fervojistaj sindikatoj), kunorganizis ĉiujn GEFA-jarkunvenojn, de 1963 kasrevizoro por la loka GEA-grupo, de 10 jaroj sekretariino en loka BSW-grupo. Partoprenis 13 IFEF-kongresojn (de 1955 ĉiujn), 2 UEA-kongresojn (1958, 1966), dum UK 1958 kiel sekretariino en la fervojista teamo preparis la oficialan fervojan informejon. Vizitis 3 feriosemajnojn (Konstanz, Svisa, Aŭstria) kaj inaŭguron de Zamenhof-monumento en Wien. IFEF-komitatanino, LKK-sekretariino IFEF-kongreso 1967, fervoja fakdelegitino de UEA. Verkis diversajn artikolojn por LIF, GEFA-bulteno kaj „Der deutsche Eisenbahner".

## Gvozden SREDIĈ

*Kandidato por funkcio de vicprezidanto*



Gvozden Sredić, diplomita ekonomiisto, fakulo por internaj kaj internaciaj fervojaj vartarifoj. Kandidato por la titolo de magistro de ekonomiaj sciencoj en la branĉo „Internaciaj ekonomiaj rilatoj", loĝas en Beograd (Jugoslavio). Naskiĝis 1935. Esperantistiĝis 1953. En 1955 kunfondinto de Jugoslavia Asocio de Fervojistaj Esperantistoj, poste ĝenerala sekretario, hodiaŭ vicprezidanto, plurjara funkciulo en loka Esperanto-societo Beograd, membro de enlanda terminara komisiono, membro de la redakta komitato de Jugoslavia Fervojisto (ĝis ĉesigo de aperado). En 1953-55 sekretario de Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino, fondinto kaj funkciulo de Esperanto-societoj en Titovo Užice kaj Požega (pluraj sukcesplenaj kursoj). Membro de administra komitato de Jugoslavia Esperanto-Ligo. Vizitis 8 IFEF-kongresojn (1955, 1957-59, 1964-67) kaj UEA-kongreson 1966, SAT-kongresojn 1954 kaj 1956. Estas IFEF-komitatano. Verkis plurajn artikolojn en diversaj E-gazetoj (ekz. en antologio „Reeĥoj el Jugoslavio" reprezentita per poemo). Aŭtoro de „Esperanto por fervojistoj", 1965, kaj „La Internacia Lingvo Esperanto", 1967, ambaŭ estas lernolibro, legolibro kaj vortaro. Kunaŭtoro de „Konversacia gvidlibro", 1965. Aŭtoro de nacilingva libro pri „Internaciaj vartarifoj" kun resumo en Esperanto, 1967. Publikigis plurajn nacilingvajn artikolojn en fakaj gazetoj kaj revuoj. Aŭtoro de kvarpaĝa prospekto pri Esperanto en la serbokroata lingvo. Tradukis la dramon „La mondo ne havas atendejon" en serbokroatan.

## Esperantokursojn ĉe IFEA

La kultura sekcio de „Dopolavoro Ferroviario" (Fervoja Postlabora Klubo) organizas, kunlabore kun IFEA, unugradan kaj duagradan Esperanto-kursojn en la legeja salono de sia Biblioteko. Tiuj ĉi kursoj, por fervojistoj kaj gefamilianoj, okazas dufoje semajne kaj komenciĝis la 21-an de novembro 1967-a La Prezidanto de „Dopolavoro Ferroviario" reklamis la kursojn per verdkolora afiŝo kiu anoncas ankaŭ la Esperantajn manifestaciojn al kiuj la gekursanoj povos partopreni, nome:

— 20-an Internacian Fervojistan Esperanto-Kongreson kiu okazos en Varna (Bulgario) de la 11-a ĝis la 17-a de majo 1968-a;

— 53-an Universalan Kongreson de Esperanto kiu okazos en Madrido (Hispanio) de la 3-a ĝis la 10-a de aŭgusto 1968-a.

Gimelli

## Otto WALDER

*Kandidato por funkcio de kasisto*



Otto Walder, lokomotivestro, Romanshorn (Svislando). Naskiĝis 1921. Esperantistiĝis 1932 kaj 1935 akiris Superan Diplomon de SES por instruado de Esperanto. Kasisto de Esperanto-grupo Romanshorn 1933-35, kasisto / prezidanto kaj kursgvidanto de Esperanto-societo Bern 1935-40, sekretario kaj kasisto de lokomotivestra sindikato Romanshorn 1941-46, prezidanto de Svisa Esperanto-Societo 1942-45, vicprezidanto aŭ sekretario de Svisa Esperanto-Societo dum pliaj 11 jaroj, UEA-komitatano 1952-56, UEA-ĉefdelegito por Svislando 1938-67, prizorganto de esperanta libroservo Svislando 1940-68, ĝenerala sekretario de LKK UEA-kongreso 1939, vicprezidanto de LKK UEA-kongreso 1947, vicprezidanto de LKK IFEF-kongreso 1955, sekretario de Svisa Asocio Esperanto-Fervojistoj 1962-66, IFEF-vicprezidanto 1964-68. Partoprenis 13 IFEF-kongresojn, 13 UEA-kongresojn kaj la Konferencon en Parizo 1937. Estis dum 5 jaroj redaktoro de „Svisa Espero".

## Willi BRANDENBURG

*Kandidato por fakprelega komisiono.*



Willi Brandenburg, fervoja inĝeniero por surtera konstruado, Westbevern (Germanio). Naskiĝis 1922. Esperantistiĝis 1948, ekzameno pri lingva kapableco 1949. Prezidanto de la GEA-grupo Münster (Westf.) de 1949 ĝis 1960 kaj de 1962, de 1955 subsekciestro resp. komisiito por Esperanto en la fervoja distrikto Münster, organizanto de la GEFA-jarkunveno 1965, partoprenis 5 IFEF-kongresojn (1952, 1955-57, 1967) kaj kiel funkciulo 3 UEA-kongresojn (1952, 1959), Internacian Pedagogian Seminarion 1959, kaj aliajn. Anstataŭis en 1967 la prezidanton de la fakprelega komisiono, organizis kaj gvidis en 1959 la 5-an Geknaban Kongreson de SAT, estis delegito kaj fakdelegito UEA de 1953-62, organizis kaj gvidis la 2-an, 3-an kaj 5-an Internacian Infanan Kongreseton de UEA. De 1955 ĝis 1960 redaktis kaj kelktempe eldonis Bultenon Gepatran (sendependa).

## Per Johan KROGSTIE

*Kandidato por redaktora funkcio*



Per Johan Krogstie, stacia oficisto, Löten (Norvegio). Naskiĝis 1929. Finis Esperantostudojn 1959 per akiro de NEL-diplomo. 1959 fondis Esperanto-klubon de Löten, de 1962 prezidanto de Norvega Esperantista Fervojista Asocio. Partoprenis 5 IFEF-kongresojn (1961, 1963, 1964, 1965 — LKK-prezidanto, 1967) kaj UEA-kongreson 1962. Estas IFEF-komitatano, estrarano de Norvega Esperantista Ligo, UEA-delegito kaj fakdelegito pri Fervojo, Filatelio kaj ĥorkantado. Aŭtoro de multaj artikoloj en la gazetaro, kune kun s-ro Engen eldonis norveglingvan prospekton pri Esperanto, tradukanto de multaj broŝuroj, leteroj, propagandiloj, ktp. por la fervojo (ekz. Esperantoprospekto pri Fervojmuzeo en Hamar).

## Grava avanco en fervoja funkcio

S-ro Per Engen, Drammen, Norvegio, konata kiel LKK vicprezidanto de nia 17-a IFEF-kongreso en Hamar, estas elektita kiel „Supergrada Inspektoro" en la distrikto Hamar. La IFEF-estraro tutkore gratulas S-ron Engen pro lia avanco al grava funkcio.

# Eŭropa Ferio-Semajno en Svislando (EFS)

## de la 25a ĝis la 31a de aŭgusto 1968

Jam por la deka fojo la Eŭropa Ferio-Semajno en Svislando (EFS) okazos en 1968. Tiufakte la organizantoj elektis novan restadejon en unu el la plej belaj regionoj de Svislando, nome *en la Berna Oberlando,* pli precize en Gwatt ĉe la bordo de la Thuna lago. Ili ankaŭ preparis belegan jubileo-programon!
Estas antaŭvidataj agrablaj ŝipekskursoj trans la lagoj de Thun kaj Brienz; amuza vizito al Interlaken, la urba perlo de la regiono; gaja veturado per la unika svisa montarfervojo kun vaportrakcio sur la Brienz-Rothorn (pli detalajn informojn pri tiu raraĵo legu en LIF n-ro 6 sub la titolo „Vaporjubileo en Svislando"):, interesa vizito al la stalagmitaj kavernoj Beatus, la natura fenomeno plej impona ĉe la lago de Thun kun subteraj akvofaloj elektre lumigataj; veturo per funikolaro sur la proksiman „piramidon" Niesen (2343 m). La kulmino de la semajn-aranĝo estos grandioza veturado per genie konstruita dentrelfervojo kaj telfero al Wengen, Männlichen kaj Kleine Scheidegg, de kie eblos veturi sur la Jungfraujoch (3454 m), la plej alta fervojstacio de Eŭropo. La fino estos veturo al Brig trans la famekonata BLS (Bern-Lötschberg-Simplon-fervojo) kaj vizito al la fama Stockalper-palaco.



*La bildkarto montras la belege situatajn feriodomojn en Gwatt ĉe la lago de Thun. En la fono (maldekstre) estas videbla la montara piramido Niesen (2343 m).*

Ĉio kostos ronde nur sFr. 200.— inkl. pensionon. Pli ol 350 personoj el multaj landoj partoprenis al la lastaj EFS-oj. Travivu ankaŭ vi belegajn feriajn tagojn en vere Esperanta rondo.
Aliĝa adreso: Ernst Glättli, Laurstrasse 17, 5200 BRUGG (Svislando).

# Raporto pri la agado de la IFEF-Junularo

Dum la 19-a Kongreso en Fulda la junularo havis kunvenon. Oni prisdiskutis la problemojn de la fervojista esperantista junularo. Unue en la historio de niaj IFEF-Kongresoj okazis sporta luda (futbala ludo) kontraŭ la loka (kongresurba) junulara teamo. Kvankam la internacia IFEF teamo ne venkis, tamen la aranĝo montris, ke la diverslanda junularo bone komprenas unu la alian ankaŭ en la sporto.
La Franca IFEF-Junularo ĉiujare havas estrarelektan kunvenon, prilaboras tutjaran agadplanon, kiu konsistas el diversaj kursoj, vojaĝoj en- kaj eksterlandaj. Pri la junulara agado oni povas legi ofte en la organo Franca Fervojisto.
En Aŭstrio okazas jam la tradiciaj skisemajnoj, kiujn oni nomas internacia pro la multnombra vizitado el diversaj landoj. En la jaro 1968 en urbo Innsbruck okazas la skisemajnoj. La fervojista esp. junularo de Linz jam havas bonajn kontaktojn kun la TEJO-organizaĵoj, ili interŝanĝas spertojn, reciproke faras vizitadojn.
En la hungara ĉefurbo Budapest la junularo havas ĉiumonate unufoje kunvenon kun propre prilaborita programo. La kunvenon vizitas ankaŭ la nefervojistaj esp. gejunuloj.
Kontakto kun TEJO. Lastjare Jozefo Cziboly, fervoja inĝeniero partoprenis la TEJO-Kongreson en urbo Rotterdam. Li estas komitatano de TEJO. La gvidanto de la junulara sekcio regule liveras materialojn pri la IFEF-Junularo al TEJO. Li faras kontakton kun la Estraro de IFEF, pere de kolego Walder, vicprezidanto de IFEF. D-ro Ferenczy en oktobro vizitis Svislandon, kie — en kelkaj urboj — faris prelegon, interalie ankaŭ pri la agado de la fervojista junularo.

D-ro Imre Ferenczy

# Jarkunveno de Hungara IFEF Sekcio

La hungaraj esperantistaj fervojistoj okazigis sian jarkunvenon la 14-an de decembro 1967. La jarkunveno estis pli solena, ol kutime. La Sindikato de Fervojistoj aĉetis buston el ruĝa marmoro de L. L. Zamenhof kaj donacis la skulptaĵon al la Hungara IFFF Sekcio. La solena transdono okazis dum la jarkunveno.

En komenco D-ro István Bácskai, la prezidanto de la Hungara Sekcio salutis la partoprenantojn, la gastojn kaj el ili aparte s-ron Géza Tóth, reprezentanton de la Ĝeneraldirekcio de MÁV, s-anon Béla Berceli, prezidanton de Hungara Esperanto Asocio, Béla Pipa reprezentanton de la Sindikata Komisiono de Fervoja Ĝeneraldirekcio. La presitan raporton pri la laboro de la prezidantaro kaj de la tuta sekcio la unuopaj grupoj jam antaŭe ricevis.

El ĝi:

La hungara fervojista fako havas 546 anojn, el ili aktivaj fervojistoj estas 293. La nombro de IFEF anoj estas 200. La kaŭzo de la relative granda nombro de nefervojistotj estas, ke troviĝas multaj lokoj kie la fervojistoj organizis unuaj Esperanto-grupon, kaj poste, — post la fondiĝo de la nefaka grupo — la nefervojistoj nur parte aliĝis al la nova grupo, multaj el ili restis en la faka grupo. Ankaŭ nun estas lokoj, kie funkcias nur fervojista Esperanto-grupo, kies anoj plimultnombrigis la anaron de la sekcio.

Kvankam la laboro ĝenerale estas rezulthava kaj la junularo estas pli forta ol en la antaŭaj jaroj, tamen estas dezirinde antaŭenigi la aktivecon ĉefe de la junularo.

Ĝis la fino de la jaro la nombro de IFEF anoj atingis la nombron 200, eĉ estos pli granda ekde 1968; la hungara sekcio havas rajton elekti du komitatanojn. Elektitaj estas: Dr. I. Bácskai kaj Sz. Bálint.

La aktiveco de la fakgrupoj kreskis. La du plej grandaj fakgrupoj funkcias en la ĉefurbo. Unu ĉe la Ĝeneraldirekcio (la Centra Grupo), unu ĉe la Budapesta Direkcio.

La centra grupo organizas la klubkunvenojn en la Budapesta Esperanto Klubo „Julio Baghy" sub la gvidado de L. Dér.

Okaze de ĉiu kunveno estas prelego.

Dum la pasinta jaro el la 50 kunvenoj prelegoj okazis pri vojaĝoj de niaj anoj en eksterlando, kiuj estis akompanataj per koloraj lumbildoj 15 foje, junulara kunveno 8 foje, pri la movado 9 foje, sciencpopularaj prelegoj 6 foje, ktp. La klubvesperojn vizitis multaj eksterlandaj esperantistoj ekz. gastoj el Sovetunio, Jugoslavio, Pollando, Bulgario, Japanujo ktp.

Du anoj de la Budapesta Grupo, Szilárd Bálint kaj László Zseni (Direkcio) organizis viziton al Soveta Uzbekistano. La plimulto de la karavano estis fervojistoj.

Estas aranĝita solena memorvespero okaze de la 108-a datreveno de naskiĝo de L. L. Zamenhof. El la provincaj fervojistaj grupoj estas menciinde la fakgrupo en urbo Győr kiu havas propran klubejon kaj vivas viglan movadan vivon. La programon de ĝiaj klubkunvenoj publikigas ankaŭ la urba kulturprogam-kajero. Tre bone laboris la grupo en la stacidomo Nyiregyháza, kiuj varbis multajn novajn membrojn, kaj faris propagandon por Esperanto per la loka radio kaj pere de eldonaĵo pri hungara teritorio „Nyirség" de la Fremdultrafika Oficejo.

La debrecena grupo organizis ekskurson al Vilnius en Sovetunio al la tieaj esperantistoj.

Por iom mallongigi la raporton ĉi tie estas nur parte menciitaj la fakgrupoj, sed necesas akcenti, ke dum la pasinta jaro 9 grupoj aranĝis 17 esperantlingvajn kursojn kun 265 partoprenantoj.

La kvaronjara esperantlingva fakrevuo: Hungara Fervojista Mondo aperis ankaŭ en la pasinta jaro regule. Ĝi havis la 11-an jarkolekton. Dum la pasintaj jaroj aperis en ĝi 28 fakartikoloj. (Ekz. Novaj hungaraj vagonoj, Internacia konferenco pri trakosenbreĉigo, La fervojlinio inter Kaposvár kaj Fonyód estas rekonstruata ktp.) Pri la UEA kaj IFEF kongresoj povis legi la legantoj 21 artikolojn. Pri la sporto ni skribis 26 foje, beletrajn artikolojn aperis en 20 numeroj.

**Ekde 1967 la revuo havas nur esperantlingvajn artikolojn!**

Ekde 1968 en la revuo estos certigita loko por la adresoj de tiuj fervojistaj esperantistoj, kiuj deziras korespondi, kaj por la artikoloj pri la agado de IFEF kaj UEA.



Okaze de la 5-a Somera Esperanto Universitato en Gyula, d-ro István Bácskai faris prelegon, kies titolo estis: Fremdultrafiko — turismo — interkomunikado. La fervojista sekcio helpis al la jurista sekcio ĉe la eldono de ĝia revuo: Internacia Jura Revuo kaj certigis la necesajn tradukajn laborojn por la resumoj de la hungara sanitara revuo „Vasutegészégügy", kaj certigis, ke la klariga teksto povu aperi en la hungara horarlibro ankaŭ esperantlingve.
En la hungara radio kelkfoje forsonis prelegoj kaj en la sindikata gazetaro aperis artikoloj pri la vivo de la sekcio hungara.
En la jaro 1968 okazos la jubilea, 20-a kongreso de IFEF en Varna. La hungaran karavanon organizas anoj de la grupo en la Budapesta Fervoja Direkcio, gvidanto estas Szilárd Bálint, partoprenos 100 personoj.
Pri la 50-a datreveno de la morto de nia majstro L. L. Zamenhof la fervojistoj rememoris solene. En la revuo HFM aperis artikolo de d-ro Kolomano Kalocsay, kiu estas ne nur unu el la plej grandaj poetoj kaj tradukistoj en Esperanto, sed ankaŭ estiminda helpanto ĉiam en nia laboro esperanta.

D-ro Mihály Szegedi, sekretario de la Hungara Fervojista Fako, aldone diris: „En la sekvonta jaro malfermiĝos novaj perspektivoj de la internacia lingvo. Niaj gravaj taskoj estas: plifortigi nian fakan asocion, pligrandigi per novaj anoj la nombron de la esperantistaj fervojistoj, plialtigi la nivelon de la kluba vivo, per aranĝo de novaj kursoj helpi la esperantan movadon, evoluigi la kunlaboradon kaj amikecon inter la popoloj kaj batali per niaj rimedoj por la paco.
Post li d-ro Bácskai laŭtlegis el la multaj salutleteroj kaj telegramoj. Unue la telegramon de la estraro de IFEF: „Okaze de la inaŭguro de la skulptaĵo de nia majstro, d-ro L. L. Zamenhof, kiu havas vere honoran lokon en la klubejo de la sindonaj adeptoj en Budapest, ni tutkore gratulas Vin".
Estas menciindaj la leteroj de la landaj organizaĵoj el Aŭstrio, Bulgario, Britujo, Ĉeĥoslovakio, Sovetunio, Pollando, Germanaj Demokrata kaj Federacia Respublikoj, Jugoslavio, Rumanio.
Sekvis la alparoloj. Unua estis Béla Berceli, ĉefsekretario de HEA, kiu alte taksis la laboron de IFEF kaj de la hungara sekcio. Li petis la alparolantojn

el la ĉeestantoj, paroli ne nur pri la rezultoj de siaj grupoj, sed ankaŭ pri la malhelpoj kaj mankoj.
Post la alparolo raportis János Valastyán el Békéscsaba, Miklós Szuhay el Budapest, Ambrus Tóth el Debrecen, László Tóth el Debrecen, Lajos Kapitány el Dunakeszi, s-ino Lászlóné Bognár el Györ, Szilárd Bálint el Budapest, Lajos Korsós el Hódmezövásárhely, István Bálint Kecskemét, Géza Szila Vésztö, Eva Kula el Székesfehérvár, Antal Járo el Nyiregyháza, Lajos Molnár kaj Ferenc Czakó el Miskolc, József Mátyás el Debrecen, Ferenc Kapcsándi el Zalaegerszeg.
Intertempe alvenis k-do István Kellner, sekciestro de Fervojista Sindikato. Li prezentis la saluton de la prezidantaro de la Fervojista Sindikato al la jarkunveno de la esperantistaj fervojistoj. „Nia sindikato konstante atentas la agadon de la esperantistaj fervojistoj kaj enlande kaj eksterlande" — li diris inter alia — „kaj multe taksas la famon de la hungaraj esperantistaj fervojistoj. — Ni transdonas tiun buston al Vi — kaj montris li al la busto de L. L. Zamenhof, staranta sur la tablo — je la estimo, honoro al la fondinto de la internacia lingvo, dezirante al Vi, al via laboro multe da sukceso. Akceptu tiun buston, ankaŭ kiel skulptaĵon de fervojista skulptisto, Károly Kirchmajer. (Grand, longa aplaŭdo).
D-ro Bácskai dankante pro la valorega donaco akcentis, ke la rekono de la laboro de la fervojistaj esperantistoj instigas al pluaj fortostreĉoj celante la interpopolajn amikecon! Li petis k-don Kellner, ke li bonvolu prezenti la sinceran estimon kaj dankon, kiun la landa kunveno de la Fervojista Sekcio esprimas al la prezidantaro de la Sindikato Fervojista por la nobla gesto.
D-ro Bácskai poste donis la necesajn respondojn kaj informojn al la alparolantoj. Li dankis la ĉeeston de la partoprenantoj kaj fermis la kunvenon.

Pál Kristek.

## Junuloj bone laboras

Du plenaj paĝoj disponigis „La Vie du Rail", por bonega artikolo pri nia XIX-a IFEF-kongreso en Fulda.
5 belaj kolorbildoj kaj 4 bildoj nigrajblankaj substrekas la ĉarmon de la urbo kaj rimarkindajn okazintaĵojn dum la kongreso.
Gratulon al la verkintoj, H. kaj J. Bernier.

de J.

**Sendu salutojn al unua Esperanto elsendo de radio Stoke on Trent.**

Estimataj

La nova radio stacio Stoke-on-Trent komencos disaŭdigi esperanto-programon semajne.
Estos la unua elsendo de la B.B.C. en Esperanto al Brita aŭdantaro. Mi petas vin sendi saluton mallongan por la inaŭguro je 18.3.1968.
Kompreneble sonbendaj salutoj estos duoble bonvenaj. Adresu aŭ al mi aŭ al „Radio Stoke" cheapside, Hanley, Stoke-on-Trent.

Tutkore salutis vin Horace Barks,
18, Milgreen avenue, Sneyd Green.

## Ĉe l'Verda Stel' en Stoke-on-Trent

*Ĉe l'Verda Stel' en Stoke-on-Trent*
*— se ĉio sekvos sian fluon —*
*la filoj de potfara gent'*
*el potoj ĉerpos novan ĝuon.*

*Tra lumo de aŭgur-lantern'*
*mi vidas ilin, jam kunside,*
*ĉe l'Verda Stelo sidi lern-*
*kaj . . . ankaŭ-iom-trink-avide!*

*Blovite el naztruopar'*
*plafonen ŝvebas fum-mesaĝo*
*legebla — ankaŭ sen ŝtupar' —*
*de sur la teretaĝo:*

*„La Verda Stelo, amsimbol',*
*ĉi tie trafis en pokalon,*
*kaj konsekvence la popol'*
*trinkante trinkas . . . idealon!"*

*Afiŝoj disanoncas jam*
*malfermon de vesperaj klasoj,*
*kaj ne mensogas la reklam':*
*„Kompleta kurs' en... dudek glasoj!"*

*Ni preĝu, ke — post kursofin' —*
*sur voj' al sia hejmoloko*
*ĉiu kursan' retrovu ĝin,*
*eĉ dum nebul' en... Trent-on-Stoko!*

Raymond Schwartz

**ADRESŜANĜO POR LIF**

**La adresoj de nova redaktoro kaj de aliaj estraranoj aperos en sekvonta LIF. Manuskriptojn por LIF bonvolu sendi ĝis la 10-a de junio al: K. G. J. de Jong, von Liebigweg 26, Amsterdam.**

# Zamenhof-festoj en Linz / D

La linz-a esperantistaro dufoje honorigis d-ron Zamenhof. La 14-an de decembro okazis en la plena klubejo la Zamenhof-festo. S-ano Max Hollinger kiel estro de la AEF (Aŭstria Esperanto Federacio) grupo ESTONTO-Linz, salutis la ĉeestantojn inter kiuj troviĝis la s-anoj W. Mudrak (afergvidanto de AEF, Wien kaj F. Rentmeister, UEA-Del., Wien).




*Kliŝo Heroldo (Foto: J. Geroldinger)*

*La Vicurbestro de Linz, S-ro Franz Hillinger, malkovras la tabulon.*

S-ano dipl. inĝ. Tschom, estro de la AFEF (Aŭstria Federacio Esperantista Fervojista) Ĉefsekcio Linz, parolis pri la nuna stato de Esperanto en la mondo. S-ano R. Bürger prezentis esperanto-lecionon kun lia nepino „Micaela" Bürger, 4½ jaraĝa, la knabine tre lerte kaj vigle respondadis en nia internacia lingvo.

S-ano em. metilerneja dir. Jos. Mraz faris kiel kutime la imponan festparoladon. Fine sonis la esperanto-himno.

Du tagoj poste, la 16-an de decembro antaŭtagmeze okazis ĉe la domo (fabrikejo) en la Zamenhofstrato nr. 43, la inaŭguro de la memortabulo, honore al nia kara majstro Zamenhof.

La inicianto s-ano Joh. Geroldinger (gvidanta estro kaj sekr. de la AFEF-Ĉefsekcio Linz) povis saluti krom la Linz-aj ges-anoj, la vicurbestron, fervojan prezidanton Kort. Kons. Dr. H. Breinl kaj ges-anojn el Wien (Mudrak), Salzburg (s-ino Ensmann, s-anoj Huber kaj Seiwald), Vöcklabruck (ges-rojn Lachmayr), Christkindl ĉe Steyr (s-anino Gammer) kaj St. Valentin (s-anojn Straif kaj Dvorak). S-ano Geroldinger voĉlegis la envenintajn salutleterojn de s-ano kort. kons. Hugo Steiner, fondinto de la int. Museo-Wien, de S-ano K. G. de Jong, Prezidanto de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto Federacio), k.a.

S-ano dir. Jos. Mraz deklamis poemon okaze la 80 jara ekzistado de Esperanto. La vicurbestro s-ro Franz Hillinger, esprimis la simpation kaj dankon de la magistrato Linz al la aktiva Linz-aj esperantistoj. Menciinte pri la mortinta urbokonsilanto s-ano W. Namors malkovris la memortabulon.

Joh. Geroldinger, 20.dec.1967

---

*Reaperos* en 1968 la jam konata „Best kalendaro", (30 × 42 cm), kun koloraj pentraĵoj pri birdoj kaj aliaj bestoj sur tre bona papero; egalrajta uzo de la Esperanta kaj germana lingvoj.

Prezo por esperantistoj, inkluzive de ĉiuj sendkostoj:

| | | |
|---|---|---|
| 1 ekzemplero | 4.— ned.guld., | 4.50 DM |
| 2 ekzempleroj | 7.— ned.guld., | 7.80 DM |
| 10 ekzempleroj | 32.— ned.guld., | 35.— DM |

Sendo per rekomendita poŝto kostas 0.80 DM pli. Bv. indiki!

*Mendojn* oni sendu al la Esperanto-Rondo, D-7261 Gechingen, Brunnenstr. 4
*Pagon* (post ricevo) per banko al „Esperanto-Rondo Gechingen, Kreissparkasse Calw, ĝirokonto 101"
*aŭ* per poŝtĉekkonto al „Sonderkonto A. Burkhardt, Postcheckkonto Stuttgart 29 777"

# La 15-a de aprilo
# Tago de jugoslavaj fervojistoj

Jugoslavaj fervojistoj kun speciala senpacienco atendas la kvaran monaton de la jaro. Meze de tiu monato estas por ili speciale interesa tago — la 15-a de aprilo, Tago de jugoslavaj fervojistoj. En solenado de tiu tago respeguliĝas malfacila centjara lukto de jugoslavaj fervjistoj por pli bonaj viv — kaj laborkondiĉoj.
Ek de la konstruo de la unua fervoja linio antaŭ pli ol 100 jaroj, jugoslavaj fevojistoj laboris kaj vivis sub tre malfavoraj kondiĉoj. Labortempo praktike ne estis limigita, la salajroj tre malaltaj kaj la mizero tre ofte estis gasto en fervojistaj domoj. La batalo por plibonigo de vivkondiĉoj estis malfacila kaj neegala. Preskaŭ sola batalmaniero estis strikado. Kaj oni strikis......
La unuan fojon strikis jugoslavaj fervojistoj jam en la jaro 1884 pro malaltaj salajroj kaj nelimigita labortempo. Tuj poste sekvas la striko de laboristoj en Fervoja riparejo en Niŝ (en la jaro 1889). La striko daŭris tri semajnojn kaj finiĝis per la venko de laboristaro. Sed la venko estis nur provizora. Denove oni devis striki pro la samaj kialoj en la jaro 1901 kaj denove post kelkaj jaroj kaj denove......
Oni strikis ofte ankaŭ en Bosnio kiun tiam regis Aŭstro-hungara monarkio. La ŝtato intervenis per tuta sia potenco sed iuj postuloj de malkontenta fervojistaro tamen devis esti plenumitaj. Per akra potenco oni ĉesigis ankaŭ strikojn en kaldronriparejo en Sarajevo kaj en aliaj urboj.
La esperoj de fervojistoj esti pli bone traktataj post la unua mondmilito kaj kreo de Reĝlando de Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj estis vanaj. Oni atendis, suferis kaj tamen esperis. Kaj kiam la pacienco estis foruzita, eksplodis la ĝenerala striko. La 15-an de aprilo 1920 la fervojo en Jugoslavio estis morta. La reloj komencis rustiĝi, la liniojn konkeris herbaĉo. La unuaj intervenoj de la reĝimo ne sukcesis, la fervojistoj estis unuecaj en justa klopodo plibonigi iliajn vivkaj laborkondiĉojn.
Kaj tiam oni intervenis per severa perforto. La armeo per fusiloj kontraŭstaris al senarmaj kalaj manoj kaj neŝirmitaj brustoj de malsataj fervojistoj kaj iliaj familioj. La masakro kulminis en la strato Zaloŝka cesta en Ljubljana. Tie la fusiloj ekparolis kaj senkulpa sango de elturmentitaj kaj malsatigitaj fervojistoj ŝprucis sur la ŝtonojn de la strata pavimo. Inter pluraj mortigitoj estis ankaŭ unu infano.
Spite al kruela interveno de la reĝimo la striko estis ĉesigita apenaŭ post 18 tagoj. Kvankam en sango dronigita, la ĝenerala fervojista striko okupas gloran lokon en historio de laborista movado en Jugoslavio. La tago en kiu la striko komenciĝis — la 15-a de aprilo — estis post la lasta mondmilito proklamita kiel Tago de jugoslavaj fervojistoj.
La solenadon de sia tago la jugoslavaj fervojistoj montras hodiaŭ per novaj venkoj en konstruo de socialismo ŝultr' apud ŝultro kun ĉiuj laborhomoj de Jugoslavio. Ili estas konsciaj ke iliaj laborkondiĉoj dependas de ili mem, ĉar ili estas solaj regantoj de produktrimedoj kaj ĝuantoj de siaj laborfruktoj. Per siaj propraj manoj ili konstruas sian propran estontecon.

*Gvozden Sredić*

## El la asocioj

**Ĉeĥoslovakio**

La esp. klubo en Podebrady solene honorigis la 91-a datrevenon de la naskiĝo de Jos. Ŝilhart, pioniro de la fervojista movado en Ĉeĥoslovakio. En urbo Nymburk, kie la mortinto vivis kaj laboris por interkompreniĝo inter la popoloj, oni malkovris honore lian memortabulon dum la 7-a Internacia Esperantista Renkontiĝo, okazinta en Podebrady. La solenaĵon ĉeestis esperantistoj el 10 landoj. S-ro Ŝilhart verkis jam en 1923 libreton sub titolo „3.300 frazoj por fervojistoj kaj vojaĝantoj", kiun li mem eldonigis. La instiganto estis nia kolego L. Fiala. La memortabulon dediĉis la Esp. Klubo en Podebrady.

**Se vi skribas al iu funkciulo, aŭ al la landaj asocioj, atentu ĉiam la ĝustan nomon kaj adreson. Tro da tempo perdiĝas pro malzorge adresitaj leteroj.**

Deziras korespondi Jozef Piduch, Pow. Zielone gora, Pollando.

## NEKROLOGOJ

La Itala Asocio ploras la forpason de nia longajara fidela ano: Komm. Francesco Domenico Ramolfo el Torino.
Li forpasis la 4-an de januaro en la aĝo de 80-jaroj. Ni estas aparte trafitaj ĉar li estis inter la fondintoj de nia Itala Fervojista Esperanto-Asocio kaj ties reprezentanto ĉe la estraro de Itala Esperanto Federacio. Lia entuziasma apogo al nia Fervojista Movado daŭris ĝis la fino.

La 23-an de aŭgusto 1967-a forpasis en la aĝo de 74 jaroj, nia kara amiko Geom. Mario Copelli el Torino, longjara fidela membro de nia Asocio kaj fervora propagandisto de nia lingvo kaj movado en ĉiuj medioj.

Post Julio Baghy, unu el liaj plej bonaj fidelaj malnovaj amikoj: D-ro Ignaco Balla el Budapeŝto (Hungario), forpasis. Li estis kune kun Baghy dum pluraj jaroj en Siberio kiel militkaptito dum la unua mondmilito. El tiu tempo datiĝis ilia amikeco, kiu daŭris ĝis la tombo. Li estis fervora membro de la Fervojista Esperanto-klubo kaj entuziasma peranto de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno.
Ke ili ripozu en paco! Sincerajn kondolencojn! Iliajn karajn memorojn ni konservos amike en nia koro!

Post longjara malsano en Zagreb mortis lokomotivestro Franjo Debič unu el fondintoj de JAFE kaj aktiva membro de tiea fervojista Esperanto-societo. En Esperanto-movado li aktivis pli ol 30 jarojn kaj lia kontribuo al disvastigado de Esperanto inter jugoslavaj fervojistoj estis tre granda. Li ripozu en paco.

La 14-an de januaro 1968 mortis subite k-go Erwin H. Zuber el Langnau i.E., (Svislando), staciestro, en la aĝo de nur 48 jaroj. Tio signifas grandan perdon por la svisa Esperantomovado, ĉar li estis tre aktiva. Dum la lastaj 7 jaroj li apartenis al la Centra Komitato de Svisa Esperanto Societo, kie li plenumis la funkcion de vicprezidanto kaj aganta prezidanto. Ĉe UEA li estis Dumviva Membro, Delegito kaj Fakdelegito pri Fervojoj, Kontraŭalkoholismo kaj Stenografio. Li trovu la eternan pacon!

## KAFO ESTAS SANIGA

Laŭ la esploroj de germanaj kuracistoj: kiu bonan kafon trinkas ,servas al sia korpo ne nur per malgranda kvanto da veneno, nomata kafeino, sed liveras al sia korpo ankaŭ diversajn aliajn materiojn, interalie por la korpo tre necesegan kalion. Nia korpo bezonas po tage 2 gramojn da kalio. Se ni konsideras, ke kvaronlitro da kafo entenas proksimume 325 miligramojn da kalio, tio signifas, ke la sama kvanto da kafo liveras ĉirkaŭ unu sesonon de nia kaliobezono. Sed ĉar la kafo enhavas ankaŭ multajn por nia korpo malutilajn substancojn, estas konsilinde, ke oni estu singarda kaj ne trinku multe da kafo.
Ke kafo kun lakto estas pli sanigo, ol kafo sen lakto, estas simpla fabelo.
Antaŭ ne longe tion pruvis la Instituto por Industria kaj Biologia Esplorado en Kolonjo, kiu tiucele grandskale eksperimentis per ratoj. Tiuj ĉi bestoj same reagas je kafeino, kiel la homoj: la nervaro estas ekscitita, la korobatoj plirapidiĝas kaj la urinado pli oftiĝas. La pruvoj montris, ke kafo kun lakto neniel malpliigas la venenan efikon de la kafeino, eĉ male; la lakto povas la efikon de la kafeino prokrasti, sed neniam malpliigi aŭ nuligi.
Plej grave influas nian sanon do la fortеco de la kafo, tio estas, la kafeino; la aldonita lakto estas simple afero de gusto.

# 8a Internacia turista koncentrado de Fervojistoj

**Aywaille - Remouchamps (Belgio)**
**de dimanĉo la 9an ĝis sabato de la 15an de junio 1968**

Sub la Alta Patronado de „Internacia Federacio de la turistaj Fervojistaj Asocioj" kaj kun ĝia kunlaborado.

*Prezidantaro*

S-ro Bertrand, Ministro de Trafiko de Belgio.
S-ro Piers, Ministro-Ŝtatsekretario por Turismo.

*Alta Patronado*

S-ro Harmel, Ministro por Eksterlandaj Aferoj de Begio.
S-ro Léon Servals, Ministro por Dungo kaj Laboro.
S-ro Clerdent, Provincestro de Lieĝo kaj la Permanenta Deputitaro de la Lieĝa Konsilantaro.
S-ro Haulot, Ĝenerala Komisaro por Turismo de Belgio kaj Prezidanto de la Internacia Unuiĝo de la Oficialaj Turismaj Organizoj.
S-ro Destenay, Ŝtatministro kaj Urbestro de urbo Liege.
Iliaj Ambasadoraj Moŝtoj en Belgio.
La Komunumaj Urbestraroj kaj la Turismaj Asocioj de la Ambleva valo.
La Turisma Ofico de Urbo Lieĝo.
La landa Ĝendarmaro.

*Rabato por la Esperantistaj Fervojistaj Asocioj*

150 belgaj frankoj po partoprenantoj. Tiu rabato estas necesigita de la administraj elspezoj. Ĝi estos aŭtomate dekalkulita ĉe la pago al la Organiza Komitato.

*Kosto de partoprenado:*

3.250 belgaj frankoj aŭ kontraŭvaloro aŭ 65 $, ĉio enkalkulita, eĉ trinkaĵoj kaj servmono.
Pagojn per internacia poŝtmandato, kaj informpetojn al: Concentration Touristique Internationale des Cheminots 33, Avenue Blonden, Liege (Belgio).

Limdato por aliĝoj: 15an de aprilo 1968.



*Kliŝo „de Koppeling"*

## Dankesprimo

| | |
|---|---|
| W. Stapel | 1948 — 1958 |
| J. Lok | 1948 — 1964 |
| W. Biesheuvel | 1948 — 1958 |
| D. Muller | 1948 — 1950 |
| A. N. Wissink | 1948 — 1951 |
| E. Drijfhout | 1948 — 1958 |
| H. Hoen | 1948 — 1963 |
| K. G. J. de Jong | 1950 — 1968 |
| E. Oosterwijk | 1958 — 1968 |
| J. Poptie | 1958 — 1968 |
| D. Burgler | 1963 — 1965 |
| O. Walder | 1964 |
| E. Burgler-Jezsó | 1965 — 1968 |

La eksiĝantaj membroj de la IFEF-estraro volonte premas la manojn etenditajn al ĝi, en ĉi tiu momento de adiaŭo.
Ankaŭ en la nomo de siaj antaŭuloj en gvidaj postenoj de nia Fervojista Movado, ĝi esprimas tutkoran dankon por la kunlaboro kaj la amikeco kiun ĝi spertis en la daŭro de sia multjara laborado por nia federacio.



Esperanto-Presejo, Hardinxveld